

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XXIII - Nº 268 MARZO-ABRIL 1985

# 45-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Membroj de la O.K. De maldekstre: s-ro García Pintado, Prezidanto; s-ro Giménez, Vicsekretario; s-ro Cabezos Martínez, Sekretario kaj s-ro García Ruiz, Vicprezidanto.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Apartado 119;
47080 VALLADOLID

REDACTOR JEFE
Giordano Mova
Balmes, 38
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz

## ENHAVO



Depósito Legal: VA. 616.—1978.
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Paraíso, 8. Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Carreras Candi, 34-36
Tfno. (93) 2402662
08028 BARCELONA

PREZIDANTO
Salvador Aragay i Galbany

VICPREZIDANTO
Luis María Hernández Yzal

SEKRETARIO
Víctor Ruiz Gómez

VICSEKRETARIO
Josep Miranda

KASISTO
Joan Font

Pagoj sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros
Libreta nº 2.303-26
Agencia Riera Blanca 436
08028 BARCELONA

LIBRO-SERVO DE H.E.F.
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

Pagoj por Libro-Servo:
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35-4º
50001 ZARAGOZA

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.
Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º Iz.
Tfno. (942) 339487
Cuenta Postal 03548531
39003 SANTANDER

INFORMA-FAKO
Enrique Piquero Vázquez
Asín y Palacios 8-6º A
50009 ZARAGOZA

# SALUTOJN

Unue, dankon al ĉiuj samideanoj, kiuj konstatante la HEF-krizon je la fino de la pasinta jaro, kuraĝigis kaj gratulis nin, pro nia decido akcepti la translokiĝon de H.E.F. en Barcelonon. Due, dankon al la tri novaj Esperanto-Asocioj aliĝintaj al H.E.F.: Esperanto-Grupo Jozefo Anglés de S. Cugat de Vallés; Esperanto-Grupo Mollet, de Mollet del Vallés, ambaŭ en la provinco de Barcelono kaj grupo Esperanto «IB Séneca» en Córdoba. Trie, dankon al ciu el la novaj membroj de H.E.F. aliĝintaj dum la pasinta januaro.

La jaro 1985-a certe estas kaj estos por la esperantistaron neforgesebla ĉar ni festas la 60-an datrevenon de la oficialigo de Esperanto en la hispana kaj internacia Poŝto kaj Telegrafo. Ni devus uzi tiun rajton. Bonvolu sendi gratulan telegramon en Esperanto al la E-Grupo «IB SENECA», Avda. Menéndez Pidal, s/n; 14004 Cordoba. Plie la Hispana Jubilea Komisiono jam frukte donas la unuajn perlojn: *Esperanto, lingvo por ĉiuj* de ILEI kaj *La familio de Pascual Duarte*, tradukita de Fernando de Diego; ambaŭ estas oficiale prezentotaj en la 45-a Hispana Esperanto-Kongreso en Cartagena.

Fine, ni nur deziras atentigi vin pri la jenaj rimarkoj:

Kiam vi sendos vian kotizon kaj abonon, vi povas uzi du adresojn. Sendi poŝtmandaton rekte al nia sidejo, aŭ pagon rekte al nia konto «Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros», Ag. Riera Blanca, 436; Libreta Nº 2303-26; 08028 Barcelona, sed, **nepre**, samtempe bonvolu sendi ankaŭ leteron al nia sidejo: H.E.F.; Carreras Candi, 34 36; 08028 Barcelono, indikante vian nomon, aĝon, adreson kaj telefon-numeron; se vi faras donacon indiku ĉu ĝi estas por «BOLETIN» aŭ por la KAMPANJO E-100. Kial? Oni devas aktualigi la adresaron kaj plie vi faciligos la taskon de la kontisto.

S-ro Giordano Moyá Escayola tre dankos vin, se vi adresas la laboraĵojn, informojn kaj notojn por «BOLETIN» al lia adreso; str. Balmes, 38; Terrassa (Barcelono).

Kaj se vi deziras scii freŝajn informojn pri la landa aŭ internacia Esperanto-Movado, aŭ simple priscii io ajn, volu kontakti nin per la telefon-numero de la H.E.F.-sidejo (93) 2402662; esperantistoj tie deĵoras ĉiulabortage, de la 10-a ĝis la 14-a horo kaj de la 17-a ĝis la 21-a horo.

Ni antaŭdankas vin pro via diligenta korespondado kaj kunlaborado. Ĝis Cartagena.

*Salvador Aragay* *Luis María Hernández* *Víctor Ruiz*
*Josep Miranda* *Joan Font*

# UNUA INTERNACIA KONVENCIO DE EŬROPLINGVAJ VERKISTOJ



S-ro Martín González, reprezentanto de HEF.

La Unua Internacia Konvencio de Eŭroplingvaj verkistoj okazis en Torremolinos (Hispanio), de la 24-a ĝis la 28-a de Oktobro, 1984a. Partoprenis ĝin pli ol 30 verkistoj reprezentante dek landojn, oni diskutis la koncernajn raportojn serioze kaj kompetente, kaj la evento konsistigis gravan okazon por antaŭenpuŝi la defendon de la laboristaj rajtoj de la Verkistoj.

Rimarkindas, ke oni konsentis proponi Nikozio-n kiel konvenciurbon kaj okazigi tie la «2-an Konvencion de Eŭroplingvaj Verkistoj» la venontan oktobron. Niki Ladaki Philippou, membro de la Plenuma Komitato de «Cyprus PEN» kaj de la Societo de Cipraj Verkistoj estis nomumita Honora Membro de la Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj.

HEF (Hispana Esperanto-Federacio), pere de Andrés Martín partoprenis la Konvencion kaj raportis pri la Eldona Kontrakto. Konsciante pri la graveco de sia partopreno kaj tiu de la kunsidoj, li defendis la neceson plifortigi la agadon de la Sindikato de Verkistoj por atingi kontentigajn eldonaj konsentojn inter la Eldonisto kaj la Verkisto kaj aliflanke, studi la taŭgecon estigi Kooperativojn de Verkistoj por sendependigi ilin.

Ĉiuj montris sin ĝentilaj kun la reprezentanto de HEF kaj iuj eĉ pretaj lerni Esperanton. Ĉi-rilate, mi devas mencii la mirindan sintenon de Princa Moŝto Sinjoro Jesús Dumont-Borbón y Rodríguez-Farnesio, tute preta defendi Esperanton, kaj tiun de la Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj, prezidata de li mem, kiu estas akceptinta la eniron de esperantaj verkistoj en la diritan sindikaton.

La ĉeeston de Esperanto en la Konvencio certigis la koncerna raporto de HEF kaj la aperigo de la ceteraj en Esperanto. La ĉeeston de Esperanto en la Sindikato certigos la konstanta agado de la esperantistaj membroj pere de konversacioj kaj artikoloj sed, kio okazos rilate aliajn organizojn? Mi opinias, ke nepras enkonduki esperantistojn en pliajn, multajn, neesperantistajn grupojn por tiuj simplaj motivoj: Esperanto apartenas al ĉiuj kaj estas por ĉiuj, la nemovadanoj povas helpi nin disvastigi la lingvon per sia propra organizo kaj, fine, la manko de financaj rimedoj de niaj Grupoj povos esti malpliigita kontaktante aliajn neesperantajn sed simpatiajn al Zamenhofa lingvo.

Mi opinias, ke unu el la ŝlosiloj de la sukceso estas la konstanteco. Ne sufiĉas komenci, necesas daŭrigi. Ĝuste, pro tio, jam dum la Konvencio, la reprezentanto de HEF proponis al Sinjorino Niki Ladaki la taŭgecon daŭrigi la partoprenon de Esperanto en Nikozio, la venontan oktobron. Ŝi akceptis tion plezure kaj atendas decidan kaj gravan kunlaboron de UEA kaj la ĉeeston de Helena Esperanto-Asocio.

Jen irendan vojon. RESPONDECU!

Andrés Martín

# La urbestraro de La Laguna omaĝas al nia s-ano D-ro Juan Régulo Pérez




**Prof. D-ro Régulo Pérez prelegante.**

La 26-an de Oktobro okazis la solena ceremonio per kiu nova placo de La Laguna, situanta ne malproksime de la Universitato, ricevis la nomon «Plaza de Juan Régulo Pérez» kaj la transdonon de arta pergameno kiu atestas la nomumon de d-ro Régulo Pérez kiel Adopta Filo de La Laguna.

Alte rimarkinda estas sia poresperanta agado, speciale kiel eldonisto de «Stafeto», eldonante 97 diversajn verkojn: poeziojn, dramojn, romanojn, historiojn, k.c. Ĉiu eldono atingis, proksimume, 1.000 ekzemplerojn, sume multajn milojn da libroj distribuitaj inter la universala esperantistaro.

Krom sia poresperanta agado, laste rekonita de Universala Esperanto-Asocio kies Komitato elektis lin en la Universala Kongreso okazinta en Vankuvero, Honora Membro de la Asocio; lia universitata kaj profesia agado estis vere intensa kaj varia kiel atestas artikolon de la ĵurnalo «EL DIA» de Santa Cruz de Tenerife aperinta la saman tagon de la omaĝo kaj kies esperantlingva traduko ni sube aperas.

**JUAN REGULO PEREZ**

La nova Adopta Filo de La Laguna, d-ro Juan Régulo Pérez naskiĝis en Villa de Garafia en 1914-a. Instruisto de Baza Edukado en 1933-a, sekve profesiadis en Tazacorte, La Orotava kaj Puntagorda ĝis julio de 1936-a. Ĵurnalisto, en la kategorio de redaktoro, kun profesia karto, kunlaboris en la kvar ĵurnaloj de la insula ĉefurbo. Licenciulo kaj poste doktoro pri Klasika Filozofio de la Universitato de La Laguna, estis membra profesoro de tiu sama Universitato ekde la kurso 1945-a 1946-a ĝis la kurso 1974-a-1975-a, en kiu per konkurso li atingis la postenon de helpa profesoro pri «Historia Gramatiko de la Hispana Lingvo».

Antaŭ ol profesii kiel helpa profesoro, li instruadis ekde 1946-a: «Historio de la Hispaña Lingvo», «Romanika Lingvistiko», «Hispana Dialektologio», «Galega kaj Portugala Literaturo», «Historio de la Itala Literaturo», «Romanika Filologio», «Historio de la Romanikaj Literaturoj», «Historio de la Portugala Lingvo», «Vulgara Latino», «Historio de la Portugala Literaturo» kaj «Prahistorio kaj Historio de la Kanariaj Insuloj» kaj multnombraj monografiaj kursoj.

Aliflanke, li estis profesoro de la Instituto de Idiomoj de la Universitato de La Laguna, vizitanta profesoro de la someraj universitatoj de Kopenhago, Bruselo, Londono kaj Kuopio. Li estas membro de la Instituto de Kanariaj Studoĵ integriĝinta en la Superan Konsilion de Sciencaj Serĉadoj kies estrarano li

estis de 1956-a ĝis 1967-a kiel voĉdonanto-prezidanto de la Filologia Sekcio, kaj poste li estis ĝia Sekretario kaj Vicprezidanto.

D-ro Juan Régulo oficiale reprezentis la Universitaton de La Laguna en la Internacia Kongreso de Psikologio de la Popoloj de Le Havre (1960-a), en la Internacia Kongreso de Dialektologio de Lovaina (1960-a) kaj en la Internaciaj Kongresoj de Romanika Lingvistiko de Madrid de 1965-a kaj de Palma de Mallorca en 1980-a.

La nova adopta filo de La Laguna havas larĝan kaj laŭdindan literaturan agadon kun multaj publikigitaj verkoj kaj laboraĵoj.

Sia listo de postenoj kaj titoloj kompletiĝas per tiuj: Redaktad-sekretario de la revuo «Revista de Historia Canaria», sekretario de la Sekretariato de Publikigaĵoj, Scienca Interŝanĝo kaj Universitata Disvastiĝo de la Universitato de La Laguna, Honora Membro de Hispana Esperanto-Instituto de Barcelona, Honora Membro de la Kultura Societo «Islas Canarias» de Montevideo, Honora Membro de la Venezuela Instituto de Genealogio, Membro de la Akademio de Esperanto, Membro de la Reĝaj Akademioj de Historio kaj de la Hispana Lingvo, Membro de la Instituto de Filozofio kaj Regiona Patologio de Tenerife, Membro de la Hispana Instituto de Puerto de la Cruz kaj senfina vico de honoroj kaj distingoj kiuj al li meritigis la titolon de Adopta Filo de La Laguna.

---

## TUTMONDA ESPERANTISTA BIBLIOTEKISTA ASOCIO (T.E.B.A.)

Antaŭ la centjariĝo de Esperanto, T.E.B.A. kies celoj estas kunligi esperantistojn-bibliotekistojn; diskonigi Esperanton pere de la bibliotekoj de la mondo kaj per esperanto helpi la laboron de ĉiaj bibliotekoj, deziras krei solidan bazon de ĉi-tiu asocio.

Ĉiuj interesiĝantoj, ankaŭ la posedantoj de privata esperanto-kolekto, povas kontakti kun la Asocio pere de la provizora sekretario. Sro. Geoffrey King; 228, Capworth St. London E10 7 HL (Britujo).

## ĈU VI INTERESIĜAS PRI MIKROKOMPUTIKO?

HEJS deziras starigi grupon de esperantistaj mikrokomputil-uzantoj (ne gravas la aĝo) kun la celo malvolvi novajn sistemojn por la lernigado de Esperanto. Petu informojn rekte al H.E.J.S.; Atocha, 98 4º; 28012 MADRID.

## ESPLOROJ PRI LIBROJ KIUJ MENCIAS ESPERANTON

C. Nourmont kompilas liston de nacilingvaj libroj, en kiuj aperas mencio pri Esperanto (ĉefe romanoj k.s.). Bonvolu sendi detalojn: Aŭtoro, titolo, eldonejo, eldondato, paĝo en la koncerna eldono. Se temas pri traduko, bonvolu mencii en kiu lingvo ĝi estis verkita. Se temas pri originalaĵo, prefere, sendu fotokopion de la teksto.

Kun danko ricevos tiujn informojn:

S-ino C. Nourmont; 2 om Kläppchen; L-5682 DALHEIM (Luksemburgio)

# LA LETERO

Ĉar bone estus antaŭsciigi, kiel eble plej baldaŭ, la bazajn punktojn pri hieraŭa lasthore urĝe ricevita peto koncerne informon —kiun nur post du semajnoj oni povos plendetale elredakti kaj sendi—, sinjoro Rik, forprenante tempon de sia enhejma matenmanĝo, skizis rapide kelkajn ideojn kaj rezultojn, por tuj povi enpoŝtigi ilin letere kiam li, kiel ĉiutage, preterpasos la poŝtoficejon. Li, do, ne atendis alveni al la kontoro por tion fari, kaj profitis la okazon de tiu antaŭsciigo por prezenti iujn neprajn demandojn por pli bone kaj ĝuste povi informadi siatempe laŭ la respondoj ricevotaj.

Sinjorino Rik plendis pro la fakto ke ŝia edzo ne povos eĉ la kafon trinki, ĉar li tro da tempo, nepensite, uzis pro tiu «strikta» skribado. Bulko, ŝinko kaj marmelado restis netuŝitaj, sed la kafo, iom malvarmiĝinta, estis englutita dum palpebruma daŭro je la foriro. Kaj ĉar tiumatene la vertero estis denove pli frosta ol dum jam pasintaj tagoj —pro la dumnokta nordventa blovado, malgraŭ ke la printempo jam plene ekmanifestiĝis antaŭe—, la edzino prezentis, eble lastfoje, la palton al sia edzo. Li surmetis ĝin al si drolrapide, enŝovis la jam fermitan kaj afrankitan leteron en la dekstran eksteran paltan poŝon, prenis la brunan ataŝean tekon kaj haste impetis straten.

Post unu semajno kaj duono sinjorino Rik demandis al sia edzo, vespere, malŝaltinte la televidilon kaj iniciatante konversacian temon, ĉu li jam ricevis la respondon petitan en tiu tiel urĝa letero —la letero skribita anstataŭ matenmanĝadi—, ĉar hazarde venis al ŝia memoro tiu nekutime postvekiĝo. «Jes, jes! Ĝi venis antaŭ kvin aŭ ses tagoj», respondis li. Sed subite li paliĝis, ekŝvitis, kaj ne kapablis reagi eĉ frapante klake sian frunton. Kaj en lia mieno montriĝis elorbitigitaj okuloj. Balbute plidiris sinjoro Rik: «Be, jes! Tamen mi ne enpoŝtigis la leteron, ĉar mi forgesis tion fari en la ĝusta momento!» Sinjorino Rik iom skeptike duonridis, sed li konfirmis tre serioze: «Ne, ne, tute ne! La leteron mi ne prenis el la poŝo. Ĵus estanta mi surstrate, min vokis gesinjoroj Mild kiuj invitis min veturi kun ili, per sia aŭtomobilo ĝis la oficejo. Nun mi plene konscias ke, certe, mi tute forgesiĝis pri la enpoŝtigo. Jam estante en la kontoro, mi transdonis la ordonon komenci prepari la redaktadon de la informo, kaj mi, tuj sekve, demarŝis pri aliaj gravaj atendantaj aferoj. Kaj eĉ kiam poŝtvenis la de mi petita respondo, mi ne konsciis pri tiu mia foratentiĝo». Kaj li aldonis, fikse rigardante sian edzinon: «Mistero, mistero, mistero! Tamen, la respondletero senprokraste venis! Mi estas certa pri tio kaj tio ĉi.

Jes. Pridemandu gesinjorojn Mild, pri tio ke ne haltis ni antaŭ la poŝtoficejo. Kaj nun vi mem konstatu la jenon: ke en la palta poŝo troviĝas ankoraŭ la nesendita kaj forgesita letero kiun vi povas trovi ja kiam vi deziros.

Sed tie, en la poŝo, la letero ne estis trovita. Kial? Ĉu eble por ke la edzino elprenis la palton, antaŭ du aŭ tri tagoj, el la lavbutiko? Ĉar la vintra sezonfino fariĝis jam pli ol printempa, ŝi, kiel kutime ĉiujare, decidis lavigi la survestaĵon por povi jam ĝin gardi konvene ĝis la venonta malvarma sezono. Sed, ĉu iu el la lavejo pripalpis, eltiris kaj gardis —aŭ sendis?— tiun leteron kiu tiel nenormale altrafis la adresiton, kvankam ne estis enpoŝtigita de sinjoro Rik? Tion oni demandis, sed neniu tie sciis pri letero aŭ kiu ajn objekto trovita en tiu palto: des pli ĉar la respondeca laboristino, de antaŭ du tagoj, komencis feriadon.

Konstatite, do: sinjoro Rik, tiun tagon matene, ĝuste elirinte el la hejmo, iris aŭtomobile kune kun gesinjoroj Mild rekte kaj senhalte al le celo —al la laborejo. De tiu tago sinjoro Rik ne plu bezonis uzi la palton, kaj li forestis duonsemajnon de la urbo, pro administra afero. Do evidente praviĝas ke li tute preteratentis tiun forgeson, eble ĉar en lia subkonscio tiu afero estis jam plenumita ĝustatempe per tiu frumatena skribaĵo. Sed, kie, fizike, reale, troviĝis tiu neenpoŝtigita letero kiun oni, preskaŭ poŝtrevene, jam kvitancis?

Gesinjoroj Rik multe cerbumadis pri tio tiel vere stranga kaj enigma, sed li, pli kaj pli firmiĝis en tio: ke li, kiel dirite, elforgesis la leteron en sia poŝo. Tamen, la letero, iumaniere, ne perdiĝis, kaj li ja bezonis trankviligi sin serĉante respondon al ĉio ebla. Kial, do, ne demandi al la adresita oficejo ĉu vere venis tien, sed per kiuj rimedoj, la letero kiun de tie oni jam konvene respondis? Jen, vidu: «Tre estimata Sinjoro. Responde al via letero datita je la 25-a de marto nunjara...» Sed, ne. Li rezignis, ĉar li timis ke tiuj seriozaj personoj, antaŭ la malkongrua, absurda kaj mallogika demando, konsideru tion kiel frivolan ŝercon aŭ frenezaĵon. Tamen, jen maniero restadi dronante en duboj kaj nekompreniĝo.

Al iuj intimaj amikoj li konfidencis tion, sed rikane oni lin priatentis. Sed nur unu reagis aliel: «Ĉu vi ne komprenas ke tio,kio okazis al vi, estas plej evidenta fenomeno parapsikologia —paranormala, eksternatura, ekstersensora? Ne, ne, amiko, mia! Atentu: ne falu en la tenton serĉi kialojn kaj rezonadojn pli-malpli logikajn kaj racionalismajn. Ĉu mistero, ĉu magio? Kial ne, laŭ niaj obskuraj mensoj, se ĉio kio ŝajnas al ni normala, aŭ nenormala, fontas simple, ĉiam, el logiko rilate leĝojn supernaturajn? La konkludo, pri tio kaj ĉio, estas, pli-malpli, la jena: nur naturaj faktoj —kvankam ni ilin ne ĉiam kapablas percepti— influas sur nin. Tute, tute nature, do, amiko! Kial serĉi la perdiĝintan neperdiĝintan leteron aŭ ĝian spuron, se ĝi kapablis voji nefizike kaj montriĝi kvazaŭ fizike, dank' al la disradiaj impulsoj de via influa potenca subkonscia volo kaj al la fido via pri bonintence plenumita agado?».

* * *

Sinjoro Rik ne konvinkiĝis pro tiu «novscienca» rezonado, same kiel mi ne kapablas konvinki min mem pri tiu finaĵo kiun mi donis al la noveleto, ĉar mi eniris blinde en ŝakton.

Kiu kapablos trovi plej logikan, «naturan» aŭ konvenan elirejon? Dankon!

Gabriel MORA i ARANA

# UNUIĜO KAJ EFIKO

Al neniu kongresinto estas sekrete, ke la esperanta temperaturo malpliiĝas ĉiam post la fermo de la kongresoj. Estas normale, ke ĝis iu grado tio okazas ĉar la izoleco de multaj semideanoj malfavoras grave la plenumon de multaj proponoj entuziasme akceptitaj dum la respondaj kunsidoj. Tamen, evidentas, ke tio ne pravigas la samideanojn forgesantajn kutime la apogon donitan al aliaj proponintoj de novaj kaj nepraj agadoj en la Movado. Mi komprenas la privatajn motivojn de ĉiuj forgesemuloj sed, tute certe, agante tiel, neniam oni atingos la sopiratan disvastigon de Esperanto en nia Lando.

La Centjara Jubileo okazos tre baldaŭ kaj, se io ne ŝanĝas la iradon de la afero, denove ni fiaskos. La sporadaj sukcesoj de iuj hispanaj samideanoj ne sufiĉas por ripozi trankvile pensante, ke almenaŭ ion oni atingas kaj, ke ni ne sukcesas pli ofte ĉar la publikaj instancoj ne helpas nin. Neniu esperantisto rajtas paroli tiel, sciante pri la manko de respondeco de tiom da samideanoj. Kaj notu, ke mi ne senkulpigas, pro tio, la respondeculojn de tiom da instancoj kaj organizoj ne kunlaborantaj en nia Movado. Ĉi rilate, konvenas ke ĉiu cerbumu kaj transprenu sian propran kulpon. Ĉiuj estas pekuloj, ni unuavice kaj, poste, la ceteraj.

Por sukcesi nepras enkonduki Internacian Lingvon en tiom da organizoj kiom ni povas kontakti. La motivo estas tute simpla: Esperanto estis kreita por ĉiuj, apartenas al ĉiuj kaj, cetere, la malabundo de financaj rimedoj estas tiel grava ke ni ne devas malprofiti la helpon de ĉiu homo deziranta kunlabori kun ni.

Ĝuste pro tio, HEF partoprenis la pasintan oktobron, de la 25-a ĝis la 28-a, en la Unua Internacia Konvencio de Eŭroplingvaj verkistoj, organizita de Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj, okazinta en Torremolinos. En la estonto, normalaj kontaktoj inter la menciita Sindikato kaj Esperanto ekzistos tra iuj samideanoj apartenantaj al la dirita profesia kaj laborista organizo. Ĉiu esperantista verkisto povas aparteni al ĝi se nur li deziras tion. Sed li estu certa, ke li estos bonvenigita de la koncerna estraro.

Sed la afero ne elĉerpiĝas pro tio. Ni konscias ke por antaŭeniri estas necese disvastigi nian idealon pli kaj pli, kvalite kaj kvante. Tiucele Francio montras al ni la vojon. Tri estraranoj de UFE (Unuiĝo Franca por Esperanto) estas membroj de la komisiono pri Informado de UEA, gvidata de estrarano de UEA Yosimi Umeda. Ne temas pri hazardo, sed pri meritoj devenantaj el konstanta agado por informi longe kaj larĝe, pri Esperanto, en nia najbara lando. UFE sendas plurfoje jare «Esperanto-actualités» al 15 agentoj, 153 gazetoj, 420 asocioj, 18 eminentuloj, 170 ĵurnalistoj, 28 eldonistoj, 125 abonintoj (asocioj, bibliotekoj). Sed ĉi tio ne estas ĉio ĉar, de pluraj jaroj, ĝi kontaktas politikistojn, aliras pedagogiajn kaj edukajn instancojn, sciigas sciencajn kaj teknikistajn rondojn kaj kunlaboras fakte kun turismaj medioj. Rilate al tio, iu eble kuraĝos aserti ke la rezultatoj atingitaj ne akordas kun la penado de UFE-anoj kaj, ankaŭ eble, argumentos, ke ne taŭgas daŭrigi la koncernajn klopodojn.

Pri tio, mi respondas tute simple, ke en Hispanio neniun rezultaton

gravan oni atingas kaj, ke en Francio la Movado antaŭeniras dum en nia lando ĝi vegetas sempere. Mankas serioza kaj konstanta agado ĝis ni atingos la celon aliratan, mankas sufiĉa nombro da respondeculoj, aŭtentikaj respondeculoj, mankas kunlaboron de la pli-malpli granda nombro de kapablaj samideanoj ekzistantaj en nia lando kaj mankas kontentiga nivelo de esperanta kulturo.

Jen la realo, la nia. Nun, ni havas la ŝancon modifi ĝin. La estonto dependas de ni mem, nur de ni.

Ĉio eblas kun vi. Tial, kunlaboru kun la organizantoj de gravaj esperantaj entreprenoj.

Kion vi faros?

Andrés Martín

---

# FUNDACION «ESPERANTO»
# Internacia Literatura Konkurso

La Patronaro de la «Fundación ESPERANTO» dum kunsido okazinta la 26-an de februaro de 1985-a decidis organizi Internacian Literaturan Konkurson en Esperanto.

Estos premio kaj subpremio.

PREMIO «JUAN MIGUEL PIQUERO»

Premio, 10.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
Subpremio, 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos la premiojn al la du plej bonaj infanaj rakontoj originalaj aŭ tradukitaj, verkitaj en facila lingvo, por ekinstrui Esperanton, al infanoj havantaj de sep ĝis dek jaroj. La rakontoj povas esti ilustritaj aŭ nur literaturaj. Pro ĝia ebla eldonado la ilustraĵoj devos esti originalaj.

REGULARO

1) Ĉiu konkursaĵo ampleksu 2 - 3 foliojn (paĝojn).
2) Ĉiu konkursanto sendu kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj, kun la indiko: Por la Konkurso de «Fundación ESPERANTO».
3) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la Konkursanto, kaj en aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.
4) Kiam publikiĝos la verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la Konkursaĵojn estas la 15-a de septembro 1985-a.
   La Verdikto publikiĝos en la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1985-a.
6) Oni sendu la tekstojn al Inés Gastón, Pº de la Constitución, 35, 4º dcha. E-50001 ZARAGOZA Hispanujo.

Zaragoza la 15-an de marto de 1985-a

Inés Gastón
Sekretariino de la
«Fundación ESPERANTO» kaj de la Konkurso

# FONDAĴO ANTONI GRABOWSKI

La kultursubtena fondaĵo «Antoni Grabowski» (mallonge AG) aktivas jam de unu jaro. Nun ni atendas la publikigon de la unua decido de ĝia juĝkomisiono kun la nomoj de la gajnintoj. La fondinto, Adam Goralski, komence donacis monon sufiĉan por dekjara agado Sed iom poste li konsideris, ke la movado povas prosperi ne nur dank'al la donacoj de unuopuloj, sed ĉefe per kolektiva subtenado. Por akceli la disvolviĝon de Esperanto kaj samtempe fortikigi ĝian centran organon UEA, ĉiuj devas hunhelpi. Oni devas serĉi monan helpon eĉ inter neesperantistoj kaj eĉ inter malesperantistoj. En la mondo ekzistas multaj industriaj, grandkomercaj, bankaj kaj aliaj entreprenoj kiuj havas en siaj buĝetoj apartajn kontojn por reklami la koncernajn firmojn sub la formo de kultursubtena aŭ bonfara agado. Laŭ tiu direkto la agoplenumo estas aparte simpla, se oni sukcesas trovi bonajn perantojn al tiaj reklamokapitaloj.

Aldone estas dua vojo, eĉ se ne tiel simpla. La fondinto opinias, ke la esperantistaro devas mem klopodi starigi minimuman kapitalon, por ke la fondaĵo AG ne elĉerpu sian rezervan fonduson en la komenco de sia financa agado. Tial Adam Goralski opinias, ke ni ĉiuj devas klopodi atingi monrimedojn sufiĉajn por plua kultura aktivado kaj tiel efike kunhelpi disvastigi la lingvon internacian.

Tiucele Adam Goralski anoncas sian planon por plivastigi la kapitalon de la fondaĵo AG ĝis 50.000 (kvindek mil) usonaj dolaroj. Samtempe li promesas aldoni 1.250 (mil ducent kvindek) usonaj dolaroj, komence de 1984-a, al la jam 13.750 donacitaj, kaj tiel apogi la fondaĵon AG per rondcifere 15.000 (dekkvin mil) usonaj dolaroj kiel baza kontribuo.

Por atingi la celatajn 50.000 dolarojn, la donacinto de la komenca kapitalo proponas dividi tiun sumon inter mil kuponoj po 50 (kvindek) dolaroj. Ĝis nun Adam Goralski jam aĉetis 300 kuponojn. La restantaj aliaj 700 atendas vian noblan aĉeton. Ĉu la esperantistaro ne kapablas tiel kunhelpi firmigi la financan bazon de la fondaĵo? La iniciatoro estas konvinkita, firme konvinkita, ke tiel povas bone esti. Li rezonas tion jene:

1. La jarlibro 1983-a de UEA registras 3.579 delegitojn, inter ili 2.513 nur en Eŭropo, el kiuj oni povas atendi konsiderindan apogon.
2. Tra la tuta mondo estas multaj unuopaj esperantistoj, en izolitaj lokoj, kiuj per unu tiamaniere starigita financa apogo povas multe pli efike kaj memstare ligiĝi al la komuna agado.
3. UEA havas perantojn en 40 landoj, kiuj certe bone helpos kolekti la monon por la fondaĵo AG.
4. Multaj esperantistaj societoj, grupoj, kluboj, rondetoj, ktp povas bone kunhelpi per aĉeto de nur unu kupono kaj tiel esprimi sian kolektivan apogon.
5. Oni povas organizi festojn, specialajn kursojn, aŭkciojn de esperantaĵoj kaj per la profito aĉeti kuponojn.
6. Esperantistoj en socialismaj landoj devas laŭpove kunhelpi, ĉar ili estas egalrajtaj ĉe la kulturaj konkursoj. Per siaj verkaj kaj monaj

apogoj ili povas bone montri sian simpation kaj sian subtenon al la fondaĵo AG.

7. La fondaĵo AG invitas aliajn fondaĵojn, jam laborantaj en la kadro de UEA, ankaŭ aĉeti kuponojn. La fondaĵo AG pretas reciproke apogi iliajn agadojn, laŭ estrardecidoj.

8. La fondaĵo AG invitas SAT kaj aliajn internaciajn organizaĵojn, ke ili solidare aĉetu kuponojn. Per tia aĉetado fare de aliaj internaciaj organizaĵoj same neŭtralaj kiel neneŭtralaj, ili povas bele kunhelpi la plivastigon kaj plifirmigon de Esperanto kaj tiel akceli la plenumon, jen de siaj aspiroj, jen de nia komuna celo.

Kiam la unua celo, la unuaj 50.000 dolaroj, estos atingita, tiam la fondaĵo AG strebos denove pligrandigi sian kapitalon ĝis la jaro 1987, kiel apogon je la solena datreveno de la unua jarcento de Esperanto.

Kompreneble mono kreas povon,kaj la fondaĵo AG celas fariĝi fortika kolono de la Movado, kiel la Institucio Hodler, por la subtenado de Esperanto. Interezoj kreas kapitalon, kaj certe oni trovos la vojon al subvenciado de laboremaj organoj de nia afero. Esperereble tiel la fondaĵo AG povos eĉ helpi privatulojn je kunaranĝado de ripozdomoj, apartajn kursojn de la internacia lingvo kaj tiel plu. Dependas nur de vi. Ĉiu komenco estas malfacila. Sed la iniciatinto de la fondaĵo AG fidas novajn kaj malnovajn mecenantojn, patronojn kaj favorantojn por atingi la celon.

Fine la fondaĵo AG opinias, ke legemuloj, konvikitaj pri la neceso de forta bazo por la disvolviĝo de la Esperanta Kulturo, ofereme sendos monon al UEA, en la certeco, ke UEA scios pozitive kaj efike administri la kontribuaĵojn.

Adam Goralski Pawlikowski
Fondinto

---

# LASTAJ NOVAĴOJ

## 3-a Andaluza Kongreso de Esperanto

Andaluzia Esperanto-Unuiĝo (A.E.U.) invitas vin partopreni en la 3-a Andaluza Kongreso de Esperanto okazonta en Seviljo, de la 15-a ĝis la 18-a de Aŭgusto. Petu pliajn informojn: A.E.U.; Pozo, 3; 41003 SEVILLA (Hispanio).

## 45-a Hispana Kongreso de Esperanto

### Informo pri Loĝado

Tiuj personoj kiuj en Kartageno, deziras loĝi ĉe «Restadejo Alberto Colao» devas komuniki tion al L.K.K. sendante la antaŭpagon de 1.500 p-toj por ĉiu tago kun plena pensiono (tri manĝoj) al la Konto Nº 5384-5; Caja de Ahorros Provincial de Murcia, Plaza de San Francisco, CARTAGENA, kaj vi ricevos la atestilon pri la rezervo.

---

# TRANSSKRIBO DE LA HISPANA FONEMO «LL» EN ESPERANTO

**Bernard Golden**

Ĉe la fino de mia artikolo «Ankoraŭ unu listo da landnomoj» (**Boletín**, 1984, n-ro 264, pĝ. 6-8), mi substrekis, ke por solvi la malfacilajn problemojn de transskribo kaj asimilado de diverslingvaj loknomoj, estas bezonataj pli profundaj esploroj kun la celo trovi aplikeblajn esperantigajn principojn. Mi mem interesiĝas precipe pri la diversaj manieroj uzataj por esperantigi hispandevenaj vortojn kaj nomojn. Mi komencis mian laboron per kompara analizo de la fonetika sistemo kaj la alfabeto de la hispana lingvo kaj Esperanto. Poste mi trakribris vortarojn, beletraĵojn kaj esperantologiajn verkojn por ekscii, ĉu jam ekzistas iuj sekvendaj gvidlinioj. Mi trovis nur kaoson! Ĉiu aŭtoro transskribas kaj asimilas laŭ sia bontrovo. La rezulto de mia analizo de la ĝisnuna lingvouzo kaj miaj proponoj por meti ordon en la komponanto de la Esperanta leksiko, kiu baziĝas sur hispanaj etimoj, estas prezentitaj en studaĵo titolita «Principoj por la esperantigo de hispanlingvaj vortoj kaj propraj nomoj». Tiu verko estas mia kontribuaĵo al la festlibro de prof. Juan Régulo Pérez, **Serta Gratulatoria J. Regulo**.

Lastatempe trafis en miajn manojn samtema artikolo de venezuela esperantisto, d-ro Esteban Emilio Mosonyi. En lia verko «Ideoj pri la transliterumo de hispanaj vortoj en Esperanto» (**Venezuela Stelo**, 1983, n-ro 30, pĝ. 3-4) estas kelkaj proponoj, kiuj koincidas kun miaj, sed aliaj tiel diferencas, ke estas necese detale pritrakti ilin.

Unu el la sonoj de la hispana lingvo, kiu daŭre malfaciligas la esperantigon de vortoj kaj propraj nomoj, estas la fonemo, kies grafio estas **ll** en la hispana kaj kataluna lingvoj, **lh** en la portugala kaj **gl** en la itala. Tiu fonemo, kiu estas laterala palatalo, ne ekzistas en Esperanto. Oni povas nur proksimume prezenti ĝian prononcon per la literoj «lj» de la Esperanta alfabeto, sed tiu konsonant-grupiĝo vere konsistas el du fonemoj en Esperanto, do ĝi ne estas preciza ekvivalento de la aparta sono de **ll**. Ekzameno de Esperantaj publikigaĵoj de la plej frua tempo ĝis hodiaŭ montras, ke la hispana **ll** estis traktita en tri manieroj: (1) la vorto aŭ nomo restas en la originala hispana formo sen modifo, (2) la litero **ll** estas transskribita per «lj», (3) la **ll** estas reduktita al simpla «l» en Esperanto. Sekve de tio, oni povas trovi ekzemplojn de tri formoj de la sama vorto aŭ nomo. Tiun kaosan situacion ilustras ankaŭ verkoj de unu sama aŭtoro, en kiuj ĉiuj tri rimedoj estas uzataj.

Zamenhof registris la formon «mantilo» en sia **Esperanta-Germana Vortaro**, kies dua eldono aperis en 1906, sed en

verko publikigita samejare en **La Revuo**, Frederic Pujulà-i-Vallès skribis «mantiljo». En la angla-Esperanta vortaro de Joseph Rhodes (1908) troviĝas la nomoj «Seviljo» kaj «Kaljao» (**Callao**) nekonsekvence apud Valadolido kaj Kastilujo. En sia **Plena Vortaro** (1909-1910) Emile Boirac registris «kamariljo», kaj la sama formo estas ankaŭ en la **Enciklopedia Vortareto** (1910) de Charles Verax. En 1923 Eugen Wüster elektis la formon «kamaril(j)o» por sia **Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana**, tiel akceptante la variaĵon «kamarilo», kiu poste estis la sola formo uzata de vortaristoj. La sama hezito estas spegulita en la traduko de **Sango kaj Sablo** de Vicente Blasco Ibáñez, eldonita en 1935. La tradukinto, Ramón de Salas Bonal, ne asimilis **Gallardo, manzanilla, Vallecas** kaj **Montilla**; li skribis «mantilo» kaj «kastilanino» per «l» sed «Seviljo» kaj «Valjadolid» per «lj». En sia artikolo «Hispanidaj neologismoj en Esperanto» (**Esperantologio**, 1949, vol. 1, n-ro 1, pĝ. 59-72) J. Régulo Pérez ne asimilis la propran nomon **Francisco de Orellana** sed citis la verkon «La sevilja delogisto». Esperantigante **guerrilla** kaj **caudillo**, li preferis la formojn «gerilo» kaj «kaŭdilo» kaj skribis: «Ŝajnas al mi bona simpligo de hisp. **ll** je esp. **l** (pĝ. 66). En la hispanaj-Esperantaj vortaroj de E. Tudela Flores (1966) kaj J. Paluzie-Borrell (1967) **Sevilla** estas «Sevilo». **Plena Ilustrita Vortaro** (PIV, 1970) registras «Sevilo», «mantilo», «gerilo» kaj «banderilo», do ŝajnas, ke la transskribado per «l» estas unuforma. Sed ĉe «lamo», formo enkondukita de Zamenhof, estas resendo al «ljamo», kie estas klarigite, ke tiu ortografio estas «fonetika formo de: lamo»! **Bild-libro pri Bestoj** (1961) nomas la koncernan beston «lamo», sed en **Argentina Novelaro** (1980, pĝ. 52) troviĝas «ljamo». **Poŝatlaso de la Mondo** (1971) ne asimilas ĉiujn loknomojn, do restas en la hispana formo la urboj **Sevilla, Valladolid, Trujillo, Medellín, Callao** ks. Uwe Joahim Moritz en sia broŝuro **Problemoj de Etnaj Minoritatoj en Hispanio** (1971) «asimilis preskaŭ ĉiujn geografiajn nomojn», do oni trovas «Kasteljono», «Palmo de Maljorko», «Seviljo», «Valjadolido» —*ĉiuj kun* «lj»— sed «galego» kaj «Kastilio» kun «l». Lastatempe en siaj **Vestfaliaj Flugfolioj**, unu el la plej entuziasmaj probatalantoj de asimilado, Rikardo Sulco (Richard Schulz) aplombe intermiksis ambaŭ transskribmanierojn; apud «Sevilo» troviĝas «Eskamiljo» (**Escamillo**) kaj «Zoriljo» (**Zorrilla**). La sama alternado inter «lj» kaj «l» kaj la uzo de neasimilitaj formoj karakterizas la lingvouzon de **Boletín**.

En mia studaĵo citita ĉi-supre, mi emfazis, ke unu el la fontoj de transskribaj variaĵoj estas la prononco de la hispana lingvo en Ameriko, ĉar aliaj fonemoj anstataŭas kelkajn de la kontinenta hispana lingvo. Transskribado laŭ tiuj prononc-variaĵoj signifas, ke la kaoso fariĝos eĉ pli granda. La sekvaj ekzemploj de la ne-unueca prononco de **ll** en Hispanameriko ilustros tion.

En **Tempesto super Akonkagvo** (1959) de Tibor Sekelj, tradukita el la hispana de la argentinano Hugo Garrote, okazas hezitado rilate la ortografion de la nomo de unu el la rolantoj. Lia nomo aperas kiel **Layana** (elp. lajana) sur pĝ. 27, kaj **Lallana** sur paĝ. 187 kun indiko, ke la prononco estas «Lalj-ana». Jen ekzemplo de du variaĵoj de la prononco de **ll**, kiel «lj» laŭ la kastilia maniero kaj kiel «j» lau la andaluzia kaj hispanamerika kutimo. Tiu fenomeno nomiĝas la **yeismo** «jo-ismo». Tria variaĵo de **ll** troviĝas en la libro **La Paperoj de Wappers** (1969), enhavanta artikolojn de Carlos Wappers el Argentino. La prononco de la argentina arbusto nomata **jarilla** laŭ la aŭtoro aŭ editoro estas «Ĥariĵa» (pĝ. 86). Tiu ĉi prononco de **ll** estas nomata **ĵeismo** (ĵo-ismo) fare de lingvistoj, kaj estas tipa prononc-variaĵo de la hispana lingvo en Argentino. Ĉar en Hispanameriko la literoj **ll** kaj **y** estas fonetike ekvivalentaj, t.e. ili estas du grafioj de la

sama fonemo, estas komprenebla la transskribo de la aŭtornomo **Ayala** kiel «aĵala» en **Argentina Novelaro** (dua serio 1980, pĝ. 3).

Ankoraŭ unu devia transskribo de **ll** estas proponita de d-ro Mosonyi en sia artikolo en **Venezuela Stelo**. Citante du transskrib-manierojn de **ll**, **Medellín** «Medeĝino» kaj **Alma Llanera** «Alma Janera», li faras la sekvan aserton pri la fonemo **ll** (pĝ. 4).

> «Ni povas flankenlasi la klasikan «lj»-ecan prononcadon de la hispana «ll» kiu ne plu estas oftega kaj en Hispanio kaj en Latinameriko. Nuntempe la literoj «ll» kaj «y» reprezentas ununuran fonemon kiu en la plejparto de la hispanparolantaj landoj estas prononcata kiel sufiĉe fortika kaj energia palata artikulacio. Preskaŭ ĉiuj fremduloj emas tiun misprononco kvazaŭ ĝi estus esperanta «j», kiam fakte ĝi enlokiĝas inter esperantaj «j», «ĵ» kaj «ĝ», kun plej granda tendenco al la lasta.
>
> Sekve, ni povas konkludi, surbaze de nia unua ekzemplo, ke **Medeĝino** estas bona esperantigo de Medellín. Sed **Alma Ĝanera** —kvankam ĝi povus soni iomete troemfazita por kelkaj oreloj— estas multe pli korekta ol **Alma Janera** kaj senhezite preferinda... la tie ĉi rekomendata prononcmaniero respegulas iusencan neŭtralan hispanan fonetikon.»

Kiel ni vidis, la transskribado de **ll** en Esperanto oscilis dum pluraj jardekoj inter «lj» kaj «l». Nun d-ro Mosonyi, kiu rigardas la problemon laŭ la vidpunkto de parolanto de unu el la variaĵoj de la hispana lingvo en Ameriko, volas trudi ankoraŭ unu transskrib-manieron per «ĝ». Argentinaj esperantistoj uzas tiucele «ĵ», kaj se tiu kutimo disvastiĝos al aliaj regionoj, estas atendebla ankaŭ la uzo de «j» en landoj kiel Meksiko kaj Gŭatemalo, kie la **ll** —fonemo estas simpla palatalo. D-ro Mosonyi mem konfesas, ke «ĝ» povus soni iom «troemfazita» por kelkaj oreloj; mi dirus «orelagaca»! Ĉio, kion mi legis pri la prononco de la hispana lingvo (1) indikas, ke la uzo de la sonoj «j», «ĝ» kaj «ĵ» anstataŭ la ĝusta laterala palatala sono, estas regionaj apartaĵoj. Sekve de tio, ili neniel povas esti «neŭtralaj» prononc-manieroj, kiel volas kredigi d-ro Mosonyi. Tiaj lokaj variajoj nenecese komplikos la transskribadon de hispandevena leksika materialo en Esperanto, do la propono de d-ro Mosonyi uzi «ĝ» estas rifuzenda.

En mia studaĵo mi substrekis, ke oni ne okupiĝu pri prononc-variaĵoj de la hispana lingvo sed akceptu nur unu norman prononcadon por transskribaj celoj. Ĉi-kaze d-ro Mosonyi nomas ĝin «la klasika «lj»-eca prononcado de la hispana «ll»...» Kvankam «lj» en Esperanto nur proksimume redonas la sonon de la fonemo **ll**, kaj kvankam ĝi ne estas la universala prononco de **ll** en ĉiuj regionoj de Hispanio kaj en Hispanameriko, tamen ĝi estas la plej bona kompromiso. Estante la tradicia prononco, ĝi estas instruata al eksterlandaj lernantoj de la hispana lingvo. Ĝi estas klara kaj neambigua, t.e. ĝi malhelpas konfuzon inter la grafioj **ll** kaj **y**, kiel ofte okazas ĉe nekleraj homoj, en kies lingvo **ll** kaj **y** estas du manieroj skribi unu fonemon, do ili ne diferencas inter si fonetike. Plue, en hispanaj vortoj kaj nomoj literitaj per **ll**, transskribo per la dulitero «lj» en Esperanto —«Seviljo», «mantiljo»— estas aŭde kaj vide pli proksima al **ll** ol transskribo per simpla «l».

---

**Noto 1.** **Juan M. Lope Blanch: El español de América**. Madrid, 1967.
Tomás Navarro Tomás: **Manual de pronunciación española**. Madrid, 1968.

# Memoria-resumen de la labor realizada por la Fundación «Esperanto» y del estado de fondos de la misma

En el año 1984, el Patronato de la Fundación ESPERANTO ha sufrido dos cambios. En el mes de febrero durante la reunión celebrada por el Patronato, Don Miguel Sancho-Izquierdo, presidente de la Junta Directiva de la Federación Española de Esperanto, que en 1968 promovió y creó la Fundación ESPERANTO, por su avanzada edad, presentó su dimisión como miembro del Patronato.

Don Miguel Sancho-Izquierdo, esperantista activo desde 1908, valedor del Esperanto, lo mismo como miembro del mundo esperantista que como directivo del mismo, aparte de su constante labor en pro de la lengua internacional en general, y de la Fundación ESPERANTO en particular, deja instituido dentro de la Fundación el premio «Sancho-Rebullida».

Para ocupar esta vacante, durante la misma sesión y a propuesta de Don Víctor Ortiz Gratal y Doña Inés Gastón Burillo, entró a formar parte del Patronato, con carácter permanente, Doña María Pilar Sancho Rebullida.

La segunda vacante se produjo en el mes de abril, por fallecimiento de Don Pedro Nuez Pérez, vocal de la Junta Directiva de la Federación Española de Esperanto, habiendo sido cubierta dicha vacante por el Vicepresidente de la Directiva de la Federación, Don Angel Díez García.

## LABOR REALIZADA

Al igual que el pasado año, la labor realizada por la Fundación ESPERANTO sigue centrada en la celebración de concursos. En 1984, el concurso ha sido convocado para adjudicar el premio «Sancho-Rebullida». El tema del concurso fue de libre elección, entre un cuento o leyenda popular, o una narración acerca de una ciudad o región con sus monumentos y costumbres. La convocatoria para el concurso se anunció oportunamente en el Boletín de la Federación Española de Esperanto y en las principales revistas internacionales.

Se recibieron 11 trabajos. El premio está dotado con 12.000 pesetas y accesit de 6.000 pesetas, más diplomas acreditativos.

En el concurso de este año han sido premiados los siguientes autores:

Premio «Sancho-Rebullida», Gabriel Mora i Arana, de Manresa, España, por su leyenda «La mistera lumo».

Accesit «Sancho-Rebullida», Frantisek Lazecky, de Praga, Checoslovaquia, por su leyenda «Pri la kavaliroj en roko».

## ESTADO DE FONDOS

Durante 1984 el capital de la Fundación ESPERANTO ha observado el siguiente cambio: Habiéndose amortizado 3 títulos de Deuda Amortizable del Estado, em. 6-7-79, con su importe se han adquirido 3 Bonos 15,50% Amortizable del Estado (30.000 pesetas). Y ha aumentado 15 accs. de la Compañía Telefónica de España, correspondientes a la ampliación habida en el año.

Del movimiento de fondos se informa en las cuentas presentadas.

El legado dejado en testamento por Dª Elisa Ferrándiz Vidal Vda. de Casanovas continúa sin haberse hecho efectivo, por no haber vendido todavía los herederos la finca que responde al mismo.

Zaragoza, a treinta y uno de diciembre de 1984.

Inés Gastón

# NIAJ GRUPOJ

MADRID.—Ekde septembro Madrida Esperanto-Liceo rekomencis ĉiumerkredajn renkontiĝojn. Krom tio okazas du kursoj (baza kaj progresiga).

En septembro vizitis la Liceon Marta Podgórska, pola pentristino kaj kantistino, kiu prezentis sonbende sian Esperanto-repertuaron. Poste ŝi vojaĝis tra Hispanio kaj partoprenis, per aparta koncerto, en la Kataluna Esperanto-Kongreso.

Dum la semajnfino, 27-an kaj 28-an de oktobro, dek tri membroj de la Liceo partoprenis en komuna renkontiĝo kun zaragozanoj kaj valencianoj en Albarracín (Teruel) por helpi al la naskiĝanta Esperanto-Grupo.

La 1-an de novembro en la sidejo de M.E.L. okazis lingva seminario pri fonetiko gvidata de s-ro Alonso Nuñez el Santiago de Compostela. Partoprenis 13 personoj, kiuj reprezentis sep denaskajn lingvojn.

La 14-an de novembro la grupon vizitis s-ro Marton Lengyel el Budapeŝto, kiu dum la pasinta jaro laborante en la Turisma Monda Organizaĵo (TMO), estis membro de la Liceo kaj aktive partoprenis en ĝia vivo.

La 9-an de decembro, dimanĉo la grupo por la dua fojo estis invitita partopreni en la konkurso de «Migas» en Jadraque (Guadalajara) Inter la ĉeestantoj estis s-ro Petar Todorov el Bulgario, estrarano de UEA, kiu la 12-an de Decembro parolis en la Liceo pri la Jubileaj Preparoj kaj la movado en Bulgario.

La 15-an de decembro oni festis la naskiĝdatrevenon de d-ro Zamenhof per ceremonio ĉe la strato «Lingvo Esperanto» kaj vespere pli ol 100 personoj aŭskultis prelegon de Miguel Fernández, pri «La generacio de 1927-a». Post kelkaj Esperanto-kantoj prezentitaj de la Koruso de MEL, ĉiuj komune bankedis.

La 1-an de februaro okazis renkontiĝo kun du belgoj; Jo kaj Leo de Bruyne, kiuj survoje al Kolombio haltis por kelkaj horoj en Madrido. Leo estas vicprezidanto de Monda Turismo kaj rakontis pri sia multflanka agado por Esperanto en turismo.

MANRESA.—Ene de «Casal d'Avis» novaj esperantistoj disvastigas kaj instruas Esperanton.



Membroj de la E-Grupo de Manresa.

Sendu salutleterojn al Esperanto-Grupo, «Casal d'Avis»: Circumval-lacio 60; MANRESA (Barcelona).

VALLADOLID.—La loka E-Grupo «Fido kaj Espero» translokigis sian sidejon de Manteria, 31 al Plaza Circular, 7, kie ni esperas rekomenci kun nova entuziasmo la poresperantan agadon. De nun, ni konsilas al ĉiu ke la korespondaĵo estu sendota al la Poŝtkesto 119, 47080 VALLADOLID.

---

# Normoj pri la kontrolita instruado de Esperanto de I.L.E.I. kaj H.E.F.

1. En la estonto, la instruado de Esperanto funkcios en Hispanio, oficiale, laŭ la programoj aperintaj siatempe, en BOLETIN.
2. Oni estigas la instruadon de Esperanto je elementa, meza kaj supera gradoj.
3. La Supera Esperanto-Lernejo komencos funkcii dum la lernojaro 1986a-87a.
4. Ĉiu Grupo aŭ Organizo deziranta validigi la diplomojn pri lernado de Esperanto atingitajn de ĝiaj lernantoj akceptos nepre tiujn ĉi normojn.
5. ILEI kaj HEF, kune kun la Grupo aŭ Organizo instruinta la Lingvon donos la koncernajn diplomojn al ĉiu kiu trapasis sukcese la respektivajn ekzamenojn.
6. La ekzameno konsistos el du partoj, t. e. teoria (pri scio) kaj praktika (buŝa parolado). Por atingi la diplomon oni nepre sukcesu ambaŭparte.
7. Oni donos la respondajn atestojn al tiuj kiuj trapasis unupartan ekzamenon.
8. Kiam iu deziros konsulti pri Gramatiko, Historio de la Movado aŭ Historio de Esperanta Literaturo rajtos direkti sin al la responda instruisto el la elektitaj tiucele por la lando.
9. Ĉiu Grupo aŭ Organizo deziranta atingi la Diplomojn por siaj lernantoj devos sin turni al ILEI (Trinidad Grund, 28 2º Drcha; 29001 MALAGA.)
10. ILEI liveros neripetitajn listojn da ekzercoj al Grupoj aŭ Organizoj petintaj ilin. Ne validos aliaj ol tiuj havigitaj de ILEI por ĉiu kazo.
11. Post la efektivigo de la teoria parto de la ekzameno, la respondeculo sendos al ILEI la koncernajn protokolojn. Se la lernanto sukcesis ILEI sendos al li la respektivan diplomon aŭ ateston.
12. Ne validos aliaj diplomoj, en la lando, ol tiuj kiuj havas la stampon de HEF aŭ/kaj de ILEI.

# Internaciaj Kongresoj kaj Kunvenoj

**11-A INTERNACIA KONFERENCO DE N.E.M.** okazos de la 27-a de Julio ĝis la 2-a de Aŭgusto en **Metz** (Francio). Pliajn informojn petu al: S-ino M. de Zilah; 39, rue Joseph Hénot; 57070 METZ (Francio).



**INTERNACIA RENKONTIĜO** de la 29-a de Junio ĝis la 6-a de Julio okazos en **Romans** (Francio) aranĝita de la E-Grupo «BONA STELO». La programo tre varia kaj interesa konsistos el: Vizito de la urbo (Ĉefurbo de la piedvesta industrio); pluraj ekskursoj, i. a. al la Ĉirkaŭiro de la Departamento «Drome»; Ĉirkaŭiro de «Vercors»; vizito de la GRANDE CHARTREUSE (fama abatejo); HAUTERIVES (kastelo de la leterportisto), SAINT ANTOINE (Fama abatejo); akceptado en la Urbodomo de ROMANS; Interkona Vespero, Internacia Balo, k.t.p. Pli detalajn informojn vi povas ricevi de E-Grupo «Bona Stelo», rue Premiere, 26100 ROMANS (Francio).

**KULTURAJ ARANĜOJ 1985-A.** La Kulturdomo de Franclandaj Esperantistoj en la **Kastelo de Grésillon** proponas al la tutmonda esperantistaro la jenajn aranĝojn:

16-a ĝis 30-a Junio: NEFORMALA INTERNACIA RENKONTO.

30-a Junio ĝis 21-a Julio: PRELEGOJ KAJ KURSOJ.

22-a Julio ĝis 11-a Aŭgusto: KURSOJ.

11-a Aŭgusto ĝis 1-a Septembro: KURSOJ, INFORMATIKO por kaj per ESPERANTO.

Pliajn informojn: Esperanto-Domo; Grésillon; 49150 BAUGE (Francio).

**PUPTEATRA INTERNACIA FESTIVALO (PIF)** Tiu granda teatra aranĝo, kiu jam 18 jarojn uzas Esperanton okazos en ZAGREB (Jugoslavio) de la 24-a Aŭgusto ĝis la 1-a de Septembro.

En Esperanto prezentos profesiaj teatroj el Belgio, Ĉekoslovakio, Hispanio, Islando, Japanio, Kanado, Svedio, Pollando, Sovetunio kaj Jugoslavio. Organizanto; Internacia Kultura Servo; Amruseva, 5; YU-41000 ZAGREB (Jugoslavio).

**15-A AMIKECO-KONGRESO** okazonta en **Gray** (Francio) de la 15-a ĝis la 21-a de Julio. La partoprenontoj de la jam tradicia Amikeco-Kongreso sen paroladoj, t.e.; kongreso kun homaj kontaktoj travivos en la bela regiono «Franche-Comté» mirindan Semajnon en varma etoso pure esperantista. GRAY LA JOLIE, pitoreska kaj gastama urbo atendas vin.




La programo antaŭvidas vizitojn en la urbo mem de la bela arta muzeo, arkeologia muzeo, naturscienca muzeo, Turo Saint Pierre Fourier, kaj, kompreneble, la Nacia Esperanto Muzeo. Posttagmeze oni vizitos la famkonatan folkloran kaj historian muzeon de CHAMPLITTE; grotoj de OSSELLE, k.t.p. Informojn petu al; s-ro Pierre Delaire; B. P. 2002; F-45010 ORLEANS (Francio).

# FERVOJISTA SEKCIO DE H.E.F.

## EL LA JARRAPORTO 1983/84a

### ADRESO KAJ SIDEJO

La adreso de HEFA estas: Ronda S. Antonio 46-50 2º, 4º BARCELONO 1. Nia sidejo estas en la stacidomo RENFE - Barcelona SANTS - Perono 1.

### MEMBRARO

La membronombro de nia sekcio konsistas el 250, inter ili 200 kotizas kiel kolektivaj membroj de HEF. 30% estas emerituloj kaj 10% junuloj.

### BULTENO, GAZETO, ORGANO, ktp

Ni eldonas nek bultenon nek gazeton, nur internan informilon por niaj membroj. Kiel sekcio de HEF ni povas uzi spacon en BOLETIN, organo de la Federacio, por informi pri niaj aferoj.

### RILATOJ KUN FERVOJAJ INSTANCOJ

Ni havas rilatojn kun la fervoja administracio tra la Departamento de Socialaj Aferoj.

Ni havas helpon de RENFE pere de la permeso uzi senpage nian sidejon kaj aliajn servojn (telefonon, elektron, hejtadon, akvon, k.t.p.), sed ni ne ricevas financan apogon.

Neniu sindikato havas rilatojn kun nia sekcio.

Niaj rilatoj kun aliaj fervojistaj organizaĵoj estas bonaj speciale kun A.E.C. (Association Europenne des Cheminots).

### KUNLABORO-RILATOJ KUN ALIAJ ESPERANTISTAJ ORGANIZAĴOJ

Niaj rilatoj estas bonaj kun ĉiuj esperantistaj organizaĵoj. Ni ĉiam estas pretaj kunlabori en ĉiu organizado favore de Esperanto. Ni kunlaboris en la organizado de Kataluna Kongreso, Mediteranea Konferenco de Esperanto, ktp. La pasintan monaton Majo vojaĝis al Bulgario 40 membroj de nia sekcio por partopreni la 36-an Kongreson de la Internacia Fervojista Federacio.

### INFORMADO KAJ VARBADO

Ni sendis artikolojn pri la kongresoj kaj konferencoj al la gazetaro de nia urbo. Ankaŭ aperis artikolo kaj informoj pri la IFEF KONGRESO en la fervoja revuo VIA LIBRE.

Ni distribuis inter la fervojistoj du mil inform-foliojn pri Esperanto.

Ni regule informas pri nia movado al la plej gravaj deĵorejoj de RENFE.

### KUNVENOJ, KURSOJ, ktp.

Normale la estraro kunvenas po unu fojo en monato. Ni traktas aferojn de la organizado de nia sekcio.

Nia jarkunveno okazas en la kadro de la nacia kongreso de HEF (se estas sufiĉaj fervojistaj partoprenantoj).

Ni organizis du kursojn dum la pasinta jaro. Partoprenis 15 kaj 17 lernantoj respektive. Ankaŭ estas kelkaj membroj, kiuj lernas Esperanton per korespondado.

## DIVERSAĴOJ

Estas menciinde, ke post 30 jaroj kiel estrarano de nia grupo ĉesis en la posteno de Prezidanto Sro. Ramón Giménez. Ni elektis kiel novan Prezidanton Sro Rafael Ruiz Criado. Sro. Giménez restas kiel Redaktoro.

Okaze de la Zamenhof-tago ni organizis festeton en nia sidejo kun partopreno de 100 samideanoj kaj kolegoj. Sro. Prezidanto parolis pri la solena dato de la naskiĝo de Dro. Zamenhof kaj poste oni projekciis filmojn de pasintaj kongresoj kaj de fervojaj modernigoj.

## FINA KOMENTARIO

La esperanto-movado en nia lando estas akceptebla. Certe ne tiel grava kiel ni dezirus, sed estas rekoninde ke ĝis nun oni faris bonan propagandon per la apero de sciigoj kaj artikoloj en ĵurnaloj kaj televido.

Rilate al nia sekcio estas signife ke kvankam nia situacio estas simila al tiu de antaŭaj jaroj, ĝi iom post iom vigliĝas optimisme.

---

**FAKTOJ KAJ FANTAZIOJ** de Marjorie Boulton. Broŝurita kun dukolora kovrilo, speciale desegnita de Franko Luin. Formato A5 kun 431 paĝoj. Prezo 2.100 p-toj. Mendebla ĉe Libro-Servo de H.E.F.

La verkado de «**Faktoj kaj Fantazioj**» estis speciale komisiita de UEA por tiuj, kiuj apartenas al la kategorio **progresantoj.**

Kvankam la aŭtorino en la antaŭparolo diras, ke «ne eblas difini tiun kategorion kun zoologia precizeco», ĝi certe inkluzivas tiujn kiuj finis elementan kurson de Esperanto kaj deziras lerni plu.

Tial la gvidantoj de progresigaj kursoj trovos la legolibron aparte utila, sed la aŭtorino celis ankaŭ la multajn memlernantojn.

«**Faktoj kaj Fantazioj**» ekzercigas pri frazkonstruado kaj pligrandigas la vortostokon de la leganto. Uzante simplan stilon, Marjorie Boulton sisteme enkondukas utilajn esprimrimedojn.

La aŭtorino estas matura, socie engaĝita literaturisto, unu el la plej produktivaj kaj ŝatataj en Esperanto. Ŝi scias instrui kaj amuzi kaj havas senton pri humoro.

La libro kiu estas tre interesa, inkluzivas glosaron kaj biografion pri la aŭtorino.

La verko «**La Familio de Pascual Duarte**» de Camilo José Cela en la esperanta traduko de Fernando de Diego jam estas en la presejo. Antaŭmendoj kun speciala prezo, 500 p-toj, faru rekte al Barcelona Esperanto-Centro; carreras Candi, 34; 08028 BARCELONA.

# RECENZOJ - RECENZOJ

**ESPERANTO-Lingvo por ĉiuj**. Verkita de F. Zaragoza Ruiz. Perfraza metodo. 2-a eldono, sub la aŭspicioj de I.L.E.I., Callosa de Segura, okaze de la Centjara Jubileo de Esperanto. 24 x 17 cm. 48 paĝoj. Prezo 300 p-toj Mendebla ĉe Libro-Servo de H.E.F., Apartado 119; 47080 VALLADOLID.

Sennombrajn didaktikajn metodojn oni elpensis kaj verkis por lernigi fremdajn lingvojn. Ankaŭ pri Esperanto. Ĉu ĉiu nova lernolibro aperas ĉar la antaŭaj ne sufiĉe kapablis trafe celi?

Ne ĉiam tio okazas. Eĉ ofte, nova metodo povas alporti nur malavantaĝojn rilate aliajn antaŭajn kaj eĉ malnovajn, post spertiĝo. Sed ankaŭ povas evidentiĝi ke per tre spertiĝinta metodo la lernigado, pro instruista kapablo aŭ nekapablo, estu sukceso aŭ fiasko. Eble, pro tio, ne ekzistas absolutaj valoroj, ĉar per tre simpla lernigilo, tre kompetenta instruanto povas eltiri aprezindajn fruktojn.

La perfraza metodo, kiu ankaŭ celas esti perkoresponda, de F. Zaragoza, ŝajnas al mi tre konvena laŭ la kapablo de la koncerna gvidanto. Ĝi, evidente, estas tre originale prilaborita. Jen laŭdinda klopodo.

Ĝi enhavas plurajn preserarojn: Paĝ. 5; «Konvensaciaj» (konversaciaj). P. 7: «Franzoj» (Frazoj). P. 9: «ests» (estas). P. 16: «scribu» (skribu). P. 20: «hondiaŭ» (hodiaŭ). P. 22: «buso» (buŝo). P. 36: «glov-» (glob-). P. 45: «konforta» (komforta).

Laŭ mia opinio la broŝuro entenas plurajn erarajn aŭ dubigajn vortojn: Paĝ. 10: «Ĉu la aero estas sana?» («pura», aŭ «saniga»). P. 10: «Kalkulu de 30 al 40». Pli bone: «ĝis...». P. 10: «Kiu atendas aŭtomobilo». (aŭtomobilon). P-j 8-11-12: «bicikledo». Pli nature: «biciklo» aŭ (porinfana «bicikleto». P. 12: «la libro apartenas min». Ĉu ne pli bone «al mi»? P. 15: «la brakoj finiĝas per fingroj». Pli objektive: «... per manoj, kaj la manoj per fingroj». P. 17: «La numeroj estas unu, du...». Pli ĝuste: «la numeraloj...». P. 19: «faros gimnastikon». Pli logike: «gimnastikos». P. 20: «La hundo, ĝi ne atendus. (?). P. 21: «Kiu komprenas "semajno"?». Kial ne: «... la vorton "semajno"»? P. 23: «Kia koloro estas kreto?». (Kiakolora...?). P-j 25-28: «Kiam ili lavas la kapon - manojn?». Pli bone: «sian», «siajn». P. 27: «La kvaronhoro havas 15 minutojn». Pli bone, sen la artikolo. P. 31: «Ĉu vi komprenas "oranĝon"?». Kial ne: «... la vorton "oranĝo"?». P. 36: «laŭt-voĉe». Sen pleonasmo, «laŭte». P-j 37-40-42: Ne «en hispano» aŭ «hispanon», sed «en la hispana» aŭ, tute simple, «hispane». P-j 39-41: «Misi», sed ne «mis», signifas erari, same kiel «aĉaĵo» (aŭ pli bone «aĵaĉo), sed ne «aĉ» signifas malperfektan objekton. P. 39: Ne «Karlo sidas la filinon», sed «sidigas...». P-j 39-41: Post «plena», ne «da», sed

«de», aŭ, pli bone, «je». P. 39: Ne ĝusta estas la uzo de «ensemblo» anst. «aro». Do, ne «Ĉu la urbo estas ensemblo de stratoj», sed, «aro da...». P. 41: Ne «Novjaron» (jaron de novo), sed «novan jaron». P. 48: Ne «skribi leteron da...», sed «de» aŭ «je». (Flanke de ĉio ĉi. P. 21: «La kato estas la malamiko de la hundo». Laŭ mia opinio, pli ordinare, kaj reale, la hundo sentas sin malamiko de la kato!).

Krome mi plendas: kial nur instrui ke «io» estas la sufikso por formi la landnomojn, kaj diri nenion pri la fundamenta «uj»?

Kaj, kiel nur formi la proprajn nomojn de virinoj per la sufikso «ino», anstataŭ per la nun plej racia finaĵo «a»: Aŭgustino, Jozefino, Mario, Ernestino, Emiliino, Heleno, anst. Aŭgusta, Jozefa, Maria, Ernesta, Emilia, Helena?

Mi plene deziras ke la multjaraj klopodoj lernigi efike Esperanton, de F. Zaragoza, estu plue efektive grandaj, kaj ke tiu lia lernolibro donu vere abundajn fruktojn. Gratulon!

G. MORA

---

# DEZIRAS KORESPONDI

Esperante kaj hispane; s-ro Alexandre Mikishev; Kustanajskaja 17-16 PERM (URSS).

Pri diversaj temoj, 17 jaraĝa junulo. S-ro Hassan Delavar; Gate lakan the end alley Hamed Bayani, Cod 41456 Nº 39; RASHT (Irán).

31 jaraĝa studento pri filozofio. S-ro Ivo Atanasov; Pionerski pat, 21; blok 4a, staja 327; 1635 SOFIA (Bulgario).

Esperante kaj hispane. S-ino Cieko Nisiumi; 6-31-19 Kita-Koiwa, Edogawa-ku; TOKYO (Japanujo).

27 jaraĝa sekretariino. F-ino Hekena Nyd; 40, rue Vital Charles 33000 BORDEAUX (Francio).

54 jaraĝa profesorino pri artdesegno. S-ino Ginette Gabillon; 32, rue Renault; 33200 BORDEAUX DAUDERAN (Francio).

Kun hispanaj esperantistoj, 43 jaraĝa itala fervojisto, studema de la hispana lingvo. S-ro Pietro Arrabito; Via G. Serbelloni, 39; I-00176 ROMA (Italio).

Kun hispanaj geesperantistoj, 15 jaraĝa knabino por interŝanĝo de b.k. F-ino Magdolna Csatlós; Csabagyöngye u. 129; H-4432 NYIRSZOLLOS (Hungario).

Por interŝanĝo de ideoj. S-ro Nbuaka Nkele; 2, rue de Nsele; Qi 7/ Ndpli. KINSHASA (Zaire).

c.j.cela:
la familio
de pascual
duarte




lej populara verko de Camilo José Cela finfine en Esperanto. Partoprenu en la 45-a H.E.K.
Kartageno kie okazos ĝia oficiala prezento.